




# AGADO *de Esperantista - Grupo* ĉe Domo de Kulturo en Jihlava

JANUARO - FEBRUARO 1962



## 5 JAROJ DE ESPERANTO - GRUPO ĈE DOMO DE KLERIGO EN JIHLAVA
## 50 JAROJ DE ESPERANTO - MOVADO EN JIHLAVA

Tiun ĉi tekston havas memorigaj Esperantaj glumarkoj, eldonitaj antaŭ nelonge. La frazo diras nenion pri planoj, laboroj kaj klopodoj, faritaj de niaj anoj dum la kvinjara periodo. Tial mi volas pritrakti la temon en nia AGADO, kvankam ankaŭ nur mallonge.

Deko da Esperantistoj fondis antaŭ 5 jaroj, somere 1956, la Esperanto — grupon ĉe Domo de Klerigo en Jihlava. Dek ili estis, kaj el ili nur du — tri pli malpli kapablaj paroli la lingvon, sed ĉiuj havis veran intereson kaj eĉ entuziasmon en siaj koroj. Kelkaj estis anoj de iama E-klubo, kiu disfalis en jaro 1949, aliaj estis komencantoj. Tamen iliaj planoj estis grandaj, grandegaj, ili antaŭvidis jam tutan urbon brili kaj paroli verde. Feliĉe inter ili troviĝis du personoj, kiuj puŝis la movadon antaŭen: arkitekto J. Hůda sciis iefektivigi multe el la planoj, kaj K. Mucha per sia ĉiujara instrua laboro edukis elegante kaj kuraĝe pli ol 200 da novaj esperantistoj. Multaj el ili fariĝis fidelaj anoj de nia grupo kaj daŭrigas laboron de la fondintoj, instruas kaj disvastigas la ideon.

Ne ĉiam la laboro estis sukcesa. Longe ni ne havis taŭgan klubejon, ni kunvenadis en koridoroj, somere en ĝardeno, en Muzik-teatro, ne estis loko por sistema laboro kaj por libraro. Spite de tio montriĝis ankaŭ belaj sukcesoj. En la unuaj jaroj multe al ni helpis, ke kelkfoje akceptis nian inviton profesoro T. Kilian el Třebíč, kiu prelegis kaj por niaj anoj kaj propagandcele por vasta publiko. Tre sukcesa estis vico da geografiaj prelegoj fare de fakinstruisto J. Vítek. Bonan propagandon faris ankaŭ 2 grandskalaj ekspozicioj en urba ekspozicejo. En jaro 1957 ĉefaranĝis ĝin lerte ark. Hůda, en jaro 1959 ne malpli lerte inĝ. J. Kalný. La ekspoziciojn vizitis dum unu semajno po 5000 vizitantoj! Bedaŭrinde ambaŭ aranĝintoj ne plu estas en Jihlava. Ni ne forgesu mencii altvaloran koncerton de violonĉelisto s-ano D-ro Pravoslav Sádlo-Páv. En oktobro 1959 ni luis aŭtobuson kaj vizitis komune Esperantan prezenton de Pigmaliono de G. B. Shaw. Prezentis ĝin en Praha Verda Ĉaro. Partoprenis 40 anoj el Jihlava kaj kelkaj el Třebíč.

Nia klubo neniam apartigis sin de nuntempeco. Ni kunlaboris kun aliaj grupoj de Domo de Klerigo kaj ĉiujare laboris brigade en Parko de kulturo. Ni kunkolektis multe da malnova papero kaj tio helpis al ni en jaro 1959 eldoni tiel deziritan kaj bezonitan lernolibron de prof. Kilian. La eldonon instigis kaj ebligis s-ano V. Tyráček, kiu estas ankaŭ „patro" kaj redaktoro de nia informilo AGADO. Nia rerigardo al pasintaj 5 jaroj estas konciza, tamen estas neeble eviti nomojn de kelkaj gesamideanoj, kun kiuj estas kunligita prospero de E-movado en nia urbo. El bazaj membroj elstaras nomo de s-ano S. Coufal, bibliotekisto kaj sekretario, kiu dediĉis multajn horojn al disvastigado, skribado kaj senlaca helpo en ĉiuj necesaj taskoj. Same valoran kaj gravan helpon signifas laboro de s-anino A. Svobodová, kasistino, kiu regule kaj bele preparas elmontran kesteton kun ĉiam interesa kaj aktuala enhavo. Klubajn kunvenojn plivigligas per kantoj, prelegoj kaj lumbildoj gefratoj A. kaj M. Lysý. La unua estras respondece nian grupon jam dum 3 jaroj. El novaj adeptoj jam du anoj sukcese partoprenis D-kurson en Junulara Somero Tendaro kaj akiris post ekzamenoj la instru-kapablecon. s-ano J. Dásek, kiu estis en fruktodona kontakto kun E-klubo en Brno kaj kun E-junuaro en Ostrava; kaj s-anino D-rino J. Kopečková eĉ transprenis ĉi-jare instruadon en kurso por komencantoj. Imitinda ekzemplo! Estas kompreneble ankoraŭ aliaj kunlaborantoj, sed ne estas sufiĉe da loko por nomi ĉiujn. Estas nur necese emfazi, ke sukceso de E-movado en Jihlava rezultas el unueca sindona laboro de ĉiuj, kiuj vizitadas kunvenojn kaj tio estas promesplena espero por la estonteco.

Sed ĉu vi, karaj gelegantoj, scias, kiel longa estas la historio de E-movado en Jihlava? Bedaŭrinde ni scias nenion pro ĝi dum periodo 1918—1939, sed feliĉe ni renkontis hazarde veteranon de nia movado el periodo antaŭ unua modmilito. S-ro Mach estas pensiulo, nun resaniĝanta el grava malsano, sed li estas tre agrabla kaj spirite juna homo. Li rakontis al ni, ke li ellernis Esperanton ĉirkaŭ la jaro 1910 kaj en jaro 1911 li gvidis entuziasme kurson en E-rondeto. La kurso okazis en hotelo Beseda (ekzistas ĝis nun!) kaj partoprenis ĝin ĉirkaŭ 50 personoj. La grupo laboris ankoraŭ 2 jarojn, sed la unua mondmilito finis ĉion. Post la milito s-ro Mach ne plu havis eblecon labori por Esperanto. Afable li pruntis al ni valoran dokumenton, kies reproduktajon

LETERVESPERO de ĉiuj Esperantistoj en Jihlava okazos merkrede la 28-an de marto 1962. Salutkaroj aŭ leteroj petataj. Respondoj garantiataj.
Nia adreso: Dům kultury ROH, esperantský kroužek, Tolstého 2, Jihlava.

vi vidas sur tiu-ĉi paĝo: sian legitimilon de fakdelegito de UEA por jaroj 1912—13. Ni kore dankas al li kaj deziras por li multe da sano.

Por fino ni havas al ĉiuj Esperanistoj gravan alvokon. Ankoraŭ neniam antaŭe havis E-movado en Jihlava tiel bonan pozicion oficialan, tian subtenon financan, tian belegan medion por kunvenoj kaj laboro. Vi ĉiuj, kiuj ellernis iom la lingvon kaj simpatias kun nia ideo, helpu al nia laboro, venadu al niaj kunvenoj! En amikeca medio vi havos eblecon amuze lerni kaj konverzacii. F, Tichy

Ĉiujn korespondaĵojn rilate al la informilo AGADO sendu al ESPERANTO-GRUPO GRAFIA, Jihlava, Ĉeĥoslovakio.

U. E. A.
UNIVERSALA INTERŜANĜA ASOCIO
MEMBROKARTO
Nomo: S-ro Mach
Antaŭnomo: Bohumil
1912-13
N° 569.

En januaro 1962 ekveturis ekspedicio sub la aŭspicioj de la Internacia Geografa Asocio kun la celo viziti dum la proksimaj tri jaroj pli ol 20 landojn de Afriko. La ekspedicio havas internacian karakteron. Gvidas ĝin la jugoslava etnologia esploristo Tibor Sekelj, membro de la Brita Reĝa Geografa Societo, veterano de multaj ekspedicioj en Amazonio, Mato Groso, la Andoj, Mazameriko kaj diversaj partoj de Azio. La aliaj dek membroj estas el Britujo, Egiptujo, Pollando, Svislando, Somalio, Jugoslavio kaj Usuno. Komuna lingvo estas Esperanto. Krom Esperanto 11 patroprenantoj el 7 landoj parolas 15 naciajn lingvojn. Laŭ sia okupo la membroj de la ekspedicio estas: etnologo, verkisto, radiojurnalisto, filmisto, makanika inĝeniero, submara esploristo, ekonomo, fotografisto, muzikologo, sekretario kaj, kompreneble, kuracisto, specialisto pri tropikaj malsanoj. Krom etnologiaj esploroj, la ekspedicianoj verkos serion da artikoloj por gazetoj kaj revuoj en diversaj landoj, same kiel radio- kaj televidprogramojn. Ili preparos plurajn dokumentajn filmojn kaj du tutvesperajn: unu kun la provizora titolo „Huĝambo rafiki!“ (kio en sŭahili, la lingvo de sudorienta afriko, signifas „Saluton, amikoj!“), kaj la alia nomiĝos „La ritmo naskiĝis en Afriko.“

Krom tiuj laboroj la ekspedicio starigis al si la taskon, per multnombraj kunvenoj en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj, tra kiuj ĝi pasos, pere de filmoj, prelegoj, muziko kaj amuzaj programoj, alporti al la loĝantoj de Afriko sian internacian mesaĝon de amikeco, kaj similan mesaĝon kolekti en multaj afrikaj landoj. Tiel la ekspedicio Sekelj intencas kontribui ne nur al la internacia konatiĝo, sed ankaŭ al la kreado de internacia bonvolo inter popoloj, sen rasaj kaj naciaj baroj. Tial la nomo de tiu nekutima kaj sendube novstila ekspedicio estas „Karavano de Amikeco“.

(El Heroldo)

MI DE L' KUTNOHORA LINAĴISTO (Já jsem z Kutný Hory)

VIGLE

MI DE L' KUT-NO-HOR-A LIN-AĴ-IST-O EST-AS GAJ-A FIL'. HAV-AS MI TRI DOM-OJN, SED PO-SED-OS NUR POST A-ĈET'! MI DE L'KUT-NO-HOR-A LIN-AJ-IST-O EST-AS GAJ-A FIL'!

Dana Ministerio de Edukado laŭ sia nova instru-programo enkondukis la Internacian Lingvon Esperanto kiel nedevigan objekton en la okan kaj naŭan klasojn de ĉiuj lernejoj, kiel ankaŭ en ĉiujn vesperlernejojn. La instruado komenciĝis en la lerneja jaro 1961—1962.

Prof. D-ro Ivo Lapena, ĝenerala sekretario de U. E. A. vizitis Danlandon kaj faris prelegojn en la porinstruistaj seminarioj sub la aŭspicioj de la Ministerio de Edukado, kiu financis la prelegvojaĝon. La temo de la prelego estis. „La Lingva Problemo en la Internaciaj Rilatoj kaj la Solvo, kiun prezentas la Internacia Lingvo Esperanto.“

KORESPONDI DEZIRAS

Novaj geesperantistoj en Gdansk deziras interŝangi bildkartojn, poŝtmarkojn kaj korespondi diversteme. Respondoj garantiataj. Skribu amase al „Pola Esperanto-Asocio, Garncarska 18, GDANSK, Pollando.

50 gekomencantoj deziras korespondi kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj. Skribu al S-ro Garnero Pietro, Via S. Rocchetto 8, TORINO (Italujo).

Junulinoj 13-ĝis 18-jaraĝaj serĉas korespondantinojn; skribu al „Kurso Esperanto Lycée Mas de Tesse, Montpellier, Francujo.“

Pri ĉiuj temoj. F. SVAČINA LANŽHOT okr. Breclav ČSSR

En 9-jara meza lernejo en Králíky, Ĉeĥoslovakio, oni komencis instrui nedevige Esperanton al 25 lernantoj. Ni petas ĉiujn Esperantistojn sendi gratulesprimon al la direktoro de la lernejo kaj per salutkartoj plifortigi entuziasmon de la gelernantoj. Ĉiu ricevos respondon. Supra adreso sufiĉas.

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

6-a daŭrigo

301. Jak dlouho mohu zůstat v kabině? — Kiel longe mi povas resti en la (ban) ĉambreto?

302. Kde je sprcha a kde parní lázeň? — Kie estas la duŝo kaj kie vaporbano?

303. Dnes je tak málo vody, že není možno plavat. — Hodiaŭ estas tiom malmulte da akvo, ke ne estas eble naĝi.

304. Ještě potřebuji jeden ručník. — Mi bezonas ankoraŭ unu viŝtukon.

305. Potřebuji železité koupele, nevím, které si zvolím. — Mi bezonas fer(o)havajn banojn, mi ne scias, kiujn mi elektos.

306. Víte, že v Lázních Bělohradě máme esperantské letovisko? — Ĉu vi scias, ke en Lázně Bělohrad ekzistas Esperanta libertempejo?

307. Naše lázně slouží především pracujícím, což je zcela správné. — Niaj banlokoj servas precipe al la laboruloj, kio estas tute ĝusta.

308. Budu mít nějakou slevu jako člen Ústřední rady odborů? — Ĉu mi ĝuos rabaton kiel membro de la Centra Konsilantaro de la Sindikatoj?

309. Rád bych se seznámil s ostatními lázeňskými hostmi. — Mi ŝatus interkonatiĝi kun la aliaj bangastoj.

310. Po tom, co jsme prožili v období 1938—1945, jsou naše nervy zeslabeny. — Post tio, kion ni travivis en la periodo 1938—1945, niaj nervoj estas malfortigitaj.

311. Potřeboval jsem po operaci radiovou léčbu; jel jsem tudíž do Jáchymova. — Post operacio mi bezonis radiuman kuracadon; mi do veturis al Jáchymov.

312. Včasné léčení je velmi důležité. — Ĝustatempa kuracado estas tre grava.

313. Jsme šťastni, že teď poznáme také mořské lázně našich slovanských bratří. — Ni estas feliĉaj, ke nun ni ekkonos ankaŭ marbanejojn de niaj slavaj kunfratoj.

HORY. — MONTARO.

314. Chtěli bychom si udělati výlet do hor, pojďte s námi! — Ni volas entrepreni ekskurson en montaron, iru kun ni!

315. Kam zamýšlíte jet? — Kien vi intencas veturi?

316. Kam jinam než do Krkonoš! — Kompreneble en montaron Krkonoše!

317. Příští rok půjdeme zase do Tater. — Venontan jaron ni denove venos al Tatry.

318. Štrbské pleso je jedno z nejkrásnějších míst na světě. — La montarlago Štrba estas unu el la plej belaj lokoj en la mondo.

319. Vystoupíme na Kriváň, abychom poznali aspoň jeden tatranský vrchol. — Ni supreniros Kriváň por konatigi al ni almenaŭ unu montopinton de Tatry.

320. Jsme v říši sněhu a kamenů. Jaké velebné ticho! — Ni estas en regno de neĝo kaj ŝtonoj. Kiel (kia) majesta silento!

321. Schovejte mapu, nebude jí třeba. — Enpoŝigu la geografian karton, ĝi ne estos bezona.

SPORT A HRA. — SPORTO KAJ LUDO.

322. Poslední dobou vzrůstá u nás zájem o tělocvik. — Lastatempe kreskas ĉe ni la intereso pri gimnastiko.

323. Navštěvuji cvičení a velmi se mi líbí. — Mi vizitas la ekzercojn kaj ili tre plaĉas al mi.

324. Kde se schází dorost? — Kie kunvenas la gejunularo?

325. Líbilo se mi cvičení žen s kuželi a na nářadí. — Plaĉis al mi ekzerco de virinoj kun konusoj kaj sur la ilaro.

326. Cvičíme dvakrát týdně ve večerních hodinách. — Ni ekzercas dufoje en semajno en vesperaj horoj (vespere).

327. Chápete, čím byly Olympijské hry pro staré Řecko? — Ĉu vi komprenas, kio estis la Olympiaj ludoj por la antikva Grekujo?

328. Loňská Spartakiáda byla jistě ukázkou naší národní jednoty, kázně a síly. — La pasintjara Spartakiado estis certe pruvo de niaj nacia unuiĝo, disciplino kaj forto.

329. Hrajete též stolní tenis? — Ĉu vi ankaŭ ludas tablotenison?

330. Naše děti dostaly novou šachovnici. — Snad se z nich stanou dobří šachisté. — Niaj infanoj ricevis novan ŝaktabulon. Eble ili fariĝos bonaj ŝakistoj.

331. Házená chystá celostátní soutěž. — La jetpilkistoj preparas tutŝtatan konkurson.

332. Boxovati neumím. — Boksi mi ne scias.

333. Kde je klub našich velocipedistů? — Kie estas la klubo de niaj velocipedistoj?

334. Moravští fotbalisté zvítězili. — La moraviaj piedpilkistoj (futbalistoj) venkis.

335. Viděl jsem utkání našeho nejlepšího atleta. — Mi vidis la lukton de nia plej bona atleto.

336. Šermíři se scházejí a cvičí každou středu. — La skermistoj kunvenas kaj ekzercas ĉiumerkrede.

337. V neděli bylo zahájeno mistrovství všech tříd ledního hokeje. — Dimanĉe oni malfermis majstrolukton (rekordbatalon) de ĉiuj klasoj de surglacia hokeo.

338. Plavci se nám brzo představí na Barrandově. — La naĝistoj baldaŭ prezentos sin en Barrandov.

(Daŭrigota)

# STRUČNÝ PŘEHLED esperantských cvičení probraných při pravidelných schůzkách esperantského kroužku ZV ROH Grafia Jihlava

## ABECEDA

a b c ĉ d e f g ĝ h ĥ i j ĵ
k l m n o p r s ŝ t u ŭ v z

Čteme-li abecedu nebo hláskujeme-li slova v esperantu, přidáváme ke každé souhlásce koncovku -o. Např. bela hláskujeme bo-e-lo-a.

Všechna písmena vyslovujeme jako v češtině. Výjimku tvoří tato písmena:

ĉ — čte se jako české č: ĉapo
ĝ — čte se jako dž ve slově džbán: ĝardeno
ĥ — čte se jako ch: Ĉeĥoslovakio
ĵ — čte se jako ž: ĵeti
ŝ — čte se jako š: ŝerco

Samohlásku ŭ (u s polokroužkem) píšeme jen po samohláskách a nebo e, tvoří-li s nimi dvojhlásku (jako české au nebo eu).

Slabiky di, ti, ni se čtou dy, ty, ny: tipografo (typografo), titolo (tytolo), nigra (nygra) atd.

V esperantu platí zásada piš, jak slyšíš a čti jak je psáno. Např.: socialismo (-ismo), universala (-sala), eksperimento, ekzemplero, teksto atd.

## PŘÍZVUK

Přízvuk v esperantu je vždy na předposlední slabice. Jednoslabičná slova mají přízvuk jen tehdy, je-li na nich větný důraz.

## ZÁJMENA OSOBNÍ

mi — já
vi — ty
li — on (jen u osob mužského pohlaví)
ŝi — ona (jen u osob ženského pohlaví)
ĝi — on, ona, ono (jen u zvířat a věcí)
ni — my
vi — vy
ili — oni, ony, ona

si — zvratné se (jen pro 3. osobu)
oni — neurčité zájmeno osobní. (Např.: oni skribas — píše se, oni diras — říká se, říkáme, lidé říkají apod.)

## ZÁJMENA PŘIVLASTŇOVACÍ

mia — můj, má, mé
via — tvůj, tvá, tvé
lia — jeho (jen u osob mužského pohlaví)
ŝia — její (jen u osob ženského pohlaví)
ĝia — jeho, její (jen u zvířat a věcí)
nia — naš, naše, naše
via — váš, vaše, vaše
ilia — jejich

sia — svůj (jen pro 3. osobu)

V esperantu se všeobecně vyká. Je-li však třeba rozlišit tykání a vykání zejména v básních, použijeme pro 2. os. jedn. čísla zájmeno c i — ty, c i a — tvůj, tvá, tvé.

## TVOŘENÍ SLOV

Slova v esperantu tvoří se:

1. z kmene a mluvnických koncovek
   předpon
   přípon
2. skládáním

Podstatná jména končí koncovkou -o (patro — otec, viro — muž, hundo — pes ĝardeno — zahrada, parko — sad, park, floro — květina, besto — zvíře, lernejo — škola)

Přídavná jména končí koncovkou -a (bona — dobrý, -á, -é, bela — hezký, -á, -é, juna — mladý, -á, -é, fidela — věrný, -á, -é, nova — nový, -á, -é, granda — velký, -á, -é)

Příslovce končí koncovkou -e (bone — dobře, bele — hezky, june — mladě)

Slovesa v neurčitém způsobu končí na -i (esti — býti, labori — pracovati, sidi — seděti, lerni — učiti se, kreski — růsti, vivi — žíti)

Přítomný čas slovesa způsobu oznamovacího končí koncovkou -as

mi estas — já jsem
vi estas — (ty) vy jste
li estas — on je
ŝi estas — ona je
ĝi estas — on, ona, ono je
ni estas — my jsme
vi estas — vy jste
ili estas — oni, ony, ona jsou
(taktéž: mi laboras — já pracuji, vi laboras — vy pracujete atd.)

Přípona -in- má význam ženského pohlaví (viro — muž, virino — žena, patro — otec, patrino — matka, leono — lev, leonino — lvice)

Množné číslo přibírá koncovku -j (belaj floroj — krásné květiny, miaj bonaj libroj — mé dobré knihy, niaj fidelaj amikoj — naši věrní přátelé)

Mi estas instruisto. Vi estas lernantino. Ni laboras en libropresejo. Mia patro kaj patrino sidas en ĝardeno. Via filo estas en parko. Lia filino estas en teatro. Ŝia libro estas nova kaj interesa. Sinjoro Novák estas bona homo. Sinjorino Nováková estas bona kompostistino. Kamarado Svoboda estas maŝinpresisto. Via amikino estas juna kaj tre bela. Hundo estas fidela besto. En ĝardenoj kaj en parkoj kreskas belaj floroj. Oni diras, ke vi laboras bone.

instruisto — učitel
lernantino — žákyně
en — v, do
libropresejo — knihtiskárna
teatro — divadlo
interesa — zajímavý
sinjoro — pan
homo — člověk
kompostistino — sazečka (písma)
kamarado — soudruh, kamarád
maŝinpresisto — strojní tiskař
amikino — přítelkyně
tre — velmi
oni diras — říká se
ke — že

(Ostatní slovíčka ze cvičení jsou obsažena v předcházejícím přehledu.)

(Daŭrigota)

Pov. MěstNV 43-VÁ-62 Grafia Jihlava Q-07*11221